| | PENSEO | N-ro 132 SEP./2002 |
|---|---|---|
| | Monata Beletra Revueto en Esperanto Honorita de Premio Grabowski,1994 | |
| Fondita en 1990; Enretigita en 1997 http://anteo.topcities.com | | |

## Originala Eseo

# Ĝojindaj Ŝanĝoj

**Guozhu**

Neatenditaj malfaciloj prokrastigis la surretigon de la kvina volumo de Liaozhai en plenteksta esp-igo preskaŭ je tri monatoj. Hodiaŭ, 2002-08-25, mi fine plenumis la tutan (re-)tajpadon de la kvina volumo, kaj sukcese sendis al Zefo la lastan faskon da manuskriptoj en HTML-formato. En senŝarĝa bonhumoro mi, Guozhu, eĉ zumis al mi novan ĉineskon Tiaoxiaoling*:

*Kvina, kvina*
*volumo fascina*
*surretis laŭ plano,*
*Rekordo ! ne vano !*
*Nova, nova*
*frukto sukces-kova* .

…Kaj mi reelfosis, de mia esearo Hushuoji, la du malnovajn pecojn, n-rojn 116 kaj 134, kiuj legiĝis kvazaŭ spuroj pri mia reta maratono por Liaozhai, kaj sentis multajn ĝojindajn ŝanĝojn, ankaŭ neatenditajn anticipe.

Unue. Nombro de la mirrakontoj surretigitaj jam superis du cent, atingis 210. Sciu, ke tio realiĝis en fatala malfunkciiĝo de mia komputilo, kiu unue malsanetis kaj poste tute paralizis apenaŭ 5 monatojn kaj ruinigis ĉiom da mia malnova tajpado por la kvina volumo.

Due. Hejmpaĝo de surreta Liaozhai travivis la krizon de rifuĝa translokiĝo. Ĝi ne malaperis sed obstine vividaŭras en nova adreso: http://anteo.topcities.com/liaozhai

Trie. S-ano Ĉinson, la prizorganto de la Dua Hejmpaĝo de Hubei-a Esperanto-Asocio, favoris nin per la dulingva publikigo Esperanta-ĉina de 30 mirrakontoj , en lia paĝo http://espero.51.net.

Kvare. En junio 2002 aperis en la ĉina Esp-movado nova ĈINA ESPERANTO-ELDONEJO (rimarku, ne la alia ĈINA !). Funkciuloj de tiu ĉi nova ĈEE, miaimprese, verŝajne volas iri la vojon de Malsaĝulo (Verda Donkiĥoto). Ĉar ili eĉ volas “fondi eldonejon POR Esperanto”; ĉar ili eĉ volas eldoni Esperantajn librojn ( ĉu por ke la Eldonejo estu vere inda je la nomo Esperanto ?); ĉar ili eĉ ne timas la leĝon “libro elita, ofte maldebita”; ĉar ili eĉ kuraĝas engaĝi la Plenan Esp-igon de Liaozhai ( Volumo I) , ignoratan dum jardekoj, en sian eldonan (miaopinie malprofitan) planon, ĉar ili agis eĉ tiel malsaĝe, ke ili senhezite donis al Liaozhai oficialan ISBN, internacian libro-numeron, sen skrapi eĉ unu groŝon al la tradukinto; …

En ilia mendilo de novaj Esp-aj libroj interalie legiĝas jene:



(5) LA STRANGAĴOJ DE LIAOZHAI (1). Verkis Pu Songling. Esp-igis Guozhu. ISBN 962-86613-4-5, 24+186 paĝoj en formato 14×20.3cm , prezo 28 juan-oj.

Tiel, niaj karaj legantoj de Liaozhai nun jam povas legi unu volumon en ĝia papera eldono, kaj kvin volumojn surrete. Dum mia reta maratono ankoraŭ daŭras, samtempe ,

verŝajne senbrue komenciĝas alia maratono por pretigi ĝian paperan eldonon ĝis la 12-a volumo. Jes, verdaj donkiĥotoj en ĉina Esp-movado nun kreas novajn rekordojn ke Ni Fosu Nian Sulkon !

* TIAOXIAOLING: ĉina fiksforma poemo el ses versoj de 4,6,6,6,4,6 silaboj, laŭ rimaranĝo de a,a,b,b,c,c. La 4 silabaj versoj konsistas el du ripetaj vortoj. Kaj la unua vorto de la kvina verso devas esti el palindrome ordigitaj silaboj de la lasta vorto de la kvara verso. ekz. vano - nova.

Penseo publikigis ne malmulte da Tiaoxiaoling. Kaj, kiam William Auld legis tiun ĉineskon, li donis jenan komenton: "…Aparte miriĝas la poemformo Tiaoxiaoling, kun ties kvar elstare sukcesaj ekzemploj. Kiel la poetoj ŝatas turmenti sin, ligante sin per ĉiam pli striktaj katenoj ! Mi ne konas pli rigoran formon ol Tiaoxiaoling ! sed tamen, kiel trafaj ! Mi eble represos ilin en La Brita Esperantisto, por iomete pli diskonigi la formon. Gratulon vere sinceran al Guozhu kaj Lu Jixin…" (vd. Penseo n-ro 5. p.4)



EL *LAŬZI*



## ĈAPITRO 57

(Ĉi tie Laŭzi predikas sian "senagadon" kiel politikan penson. Laŭ li la regado de la regno, kiu estas diferenca de la kondukado de la milito, devas esti farata en normala maniero, nome per "senagado", kaj tial li proponas "fari nenion", "ami kvietecon", "ne agi" kaj "havi neniajn dezirojn", por ke la popolo spontanee submetiĝu, sin korektu, riĉiĝu kaj restu en primitiva simpleco.)

La regno devas esti regata en normala maniero,
La milito devas esti kondukata per eksterkutima taktiko,
Kaj ĉio sub la Ĉielo devas esti direktata per "senagado".
Kiel do mi povas scii, ke estas tiele?
Per la jeno:
Sub la Ĉielo, ju pli da malpermesoj estas faritaj,
Des pli malriĉa la popolo fariĝas;
Ju pli da armiloj la popolo havas,
Des pli la regno dronas en malordo.
Ju pli inĝeniaj kaj lertaj estas la homoj,
Des pli da strangaĵoj estas inventitaj.
Ju pli multaj estas la leĝoj kaj la dekretoj,
Des pli da rabistoj kaj ŝtelistoj troviĝas.
Tial la Saĝulo[1] diris:
"Mi faras nenion, kaj la popolo spontanee submetiĝas,
Mi amas kvietecon, kaj la popolo spontanee sin korektas ,
Mi ne agas, kaj la popolo nature riĉiĝas,
Mi havas neniajn dezirojn, kaj la popolo nature restas en natura simpleco."

[1] Vd. noton 1 de ĉap. 2.



## ĈAPITRO 58

(En tiu ĉi ĉapitro montriĝas dialektikaj vidpunktoj de Laŭzi. Laŭ li, ju pli severa estas la politika regado, des pli da ribeloj leviĝas el la popolo, kaj ju pli tolerema estas la regado, des pli malmultaj estas la rezistoj. Aferoj ofte iras kontraŭ homaj subjektivaj deziroj. Feliĉo iafoje alportas malfeliĉon, kaj malfeliĉo feliĉon. Laŭzi opinias ke, ĉar la bona povas fariĝi malbona kaj la malbona povas fariĝi bona, la homo ne povas antaŭvidi la rezultojn de ĉiuj okazaĵoj en la mondo kaj sekve ne povas regi sian propran sorton.

Kion do fari vizaĝe al sia nekonebla sorto? Laŭzi proponas, ke oni devas fari nenian troaĵon kaj scii halti en la bona momento en ĉiu afero, por eviti, ke la aferoj iru al sia malo. Laŭzi kredas ankaŭ, ke la homo ne kapablas regi la transformiĝon de la kontraŭoj.)

Kiam la regno estas regata kun toleremo,
La popolo estas honesta kaj lojala.
Kiam la regno estas regata kun rigoreco,
La popolo estas ruza kaj malica.
Ho malfeliĉo! La feliĉo sin apogas sur ĝi;
Ho feliĉo! La malfeliĉo sin kaŝas en ĝi.
Kiu do povus antaŭvidi la lastajn rezultojn?
Ja ekzistas nenia mastro de la universo.
La normala povas ajnatempe fariĝi nenormala,
La bona povas ajnatempe fariĝi malbona.
La konfuziteco de la popolo daŭras jam tre longe.
Tial, la Saĝulo[1] estas kvazaŭ kvadrata sen anguloj[2],
Kaj havas kvazaŭ eĝojn, kiuj tranĉvundus neniun.
Li estas rektanima, sed tute ne agresa,
Li donas lumon, sed ĝi ne estas blindiga.

[1] Vd. noton 1 de ĉap. 2.

[2] Ĉi tie per "kvadrata sen anguloj", kiuj povus vundi homojn, Laŭzi metafore aludas, ke la Saĝulo ne estas rigida en sia konduto. (Kp. "La plej granda kvadrato havas nenian angulon" en ĉap. 41)



tradukita de Wang Congfang

## Al Li Sen

### Okdek-Jara

La kurba vojo
Inter montaro ŝtona
Sub fera volo
Eterne etendiĝas.
Netaj la trakoj
Vertebre ligas stepon



Integre jam kun
Vaskuloj de la maro.
Uf! okdek-jaron.
Lavas la koron verdaj
Ondoj impulse.
Navigu tra nebulo.
Gamo de rido

Efebu vin kun suno!

2002.09.03, **Mao Zifu**



## La Vivo de Pu Songling

( I )



**Nomoj de Pu Songling**

Pu Songling havis familian nomon PU, personan nomon Songling (Pina Aĝo), plumnomon Liu-xian (Postlasita Feo) kaj adoltiĝan nomon Jianchen (Regato Spado).
Li prenis por si plumnomon Ermito ĉe la Salika Fonto, sed li estas pli vaste konata kiel S-ro Liaozhai.

Origine Liaozhai estis nomo de lia legoĉambro ( *zhai* signifas legoĉambro, kaj *liao* — babilo, propra nomo por la kabineto) kaj sub tiu nomo Pu Songling verkis serion da verkoj, ekz-e:

Eseoj de Liaozhai,
Versoj de Liaozhai,
Folkloraj Arioj de Liaozhai,
Notoj pri Strangaĵoj de Liaozhai … kc.

Sekve oni nomis lin kutime kaj lian

majstran ĉefverkon Strangaĵoj mallongige per Liaozhai.

**Naskiĝtago de Pu Songling**

Pu Songling naskiĝis ĉe la fino de Ming-dinastio kaj vivis dum fondiĝo de Qing-dinastio de novaj manĉuraj regantoj. Tiam ĉinoj uzis lunan kalendaron. Lunkalendare Pu Songling naskiĝis la 16-an de la kvara monato de la dek-tria jaro en Chongzhen-erao, Ming-dinastio (sunkalendare: 1640-05-24). Post kvar jaroj, en 1644, kiam Pu Songling estis 5-jara, okazis sanĝiĝo de dinastioj en Ĉinio.

**Hejmloko de Pu Songling**

Hejmloko de Pu Songling estis Manjinzhuang de Zichuan (la nuna Pujia-zhuang, aŭ Vilaĝo de Familio Pu, de Zibo ), Shandong-provinco, kie nun troviĝas la Muzeo de Pu Songling.

**Patra familio**

Pu Songling naskiĝis en intelektula familio, kiu dekadencis jam en la tempo de lia avo.

Lia patro Pu Pan havis kvar filojn, inter kiuj Pu Songling viciĉis la tria. Ĉar ĝis sia aĝo de 20 jaroj Pu Pan ankoraŭ ne sukcesis trapasi la primaran (gubernian) ekzamenon, vole-nevole do li devis forlasi la intelektulan vivon kaj sin okupis pri komerco, sed poste mankis al li eĉ mon-rimedo por dungi privatan instruiston, kaj Pu Pan devis mem instrui al siaj filoj.

Ĉar Pu Songling estis magra kaj malsanema en infanaĝo, lia patro ne kuraĝis tro frue ŝarĝi al li per lernado-tasko, tial Pu Songling komencis sisteme lerni malfrue, nur en 1650, kiel 11-jara knabo. sed li estis tiel inteligenta, ke "li povis bone memori la klasikaĵojn post unufoja lerno". Krom lerni la necesajn objektojn por la ŝtata ekzameno, Pu Songling ankaŭ kulturis en si fortan interesiĝon pri poezio kaj folkloro, kiuj poste multe helpis en lia fekunda verkado.

La vivo de Pu Songling legiĝis ne tro kompleksa, konsistis el agadoj de jenaj roloj:

partoprenanto en ŝtataj ekzamenoj (dumviva);
asistanto de guberniestro (unujara);
malriĉa privata instruisto (dumviva);
aŭtoro de Strangaĵoj de Liaozhai (dumviva)

(daŭrigota)

**Guozhu**

## Spritaĵo

### Edzin-Timulo

Iu komizo famiĝis pro timado al sia edzino. Li tre ĉagreniĝis pro sia malalta salajro, ĉar lia edzino ofte mokis lin pri tio. Iutage li renkontis sian mastron kaj li demandis ĝentile, "Mia edzino plendas pri mia malalta salajro kaj volas min turni al vi, ĉu vi bonvolus iom altigi mian salajron?"

Aŭdinte tion, la maestro embarase respondis, "Mi devas demandos al mia edzino, ĉu ŝi konsentos aŭ ne."

**Luo Ling**

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Disdonanto Lin Liyuan
Adreso: Ĉambro 501, N-ro. 72,
Strato Xitangxilu, Guangzhou,
Guangdong (510050)
..........................................
POŜT-KUPONOJ ESTAS BONVENAJ!
..............................................
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Shantou Universitato,Guangdong515063, Ĉinio
Tel: (0754) 2903012 (hejme)
E-poŝto: ydwei@stu.edu.cn
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.